## Agentoj de TAGE. Vian kotizon akceptas:

En landoj:

Angla: F-ino Morton, 49 Mount Pleasant Rd., Dalton, Huddersfield.

Aŭstra: Fr. Kurtisch, Sechshauser Str. 71, Wien XIV, poŝtĉekkonto B 72487.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉila: E. Herrera Valen, Clasificator 220, Santiago.

Estona: Agnes Nii, Postkast 6, Tallinn.

Franca: Pierre Pichon, Etriché (Maine et Loire.)

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

En landoj:

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Novosadska 7, Pirot.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte. Schoolstraat 13, Veendam. Poŝtĉekkonto: 90 544.

Norvega: Nils Okland, Rommesveit. Stord.

Pola: K. Majorkiewicz, Ludolf Königsweg 6, Danzig.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6. Stockholm, poŝtĝiro 50 304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 12 rue Jean-Jacquet, Ĝenevo.

Urugvaja: Pedro Casas, San José 1123, Montevideo.

U. S. A.-a: David R. Metzler, Route 1, Box 389, Fresno, Califor.

## Atentu!

**Unueca abonprezo por ĉiuj negermanaj abonantoj estu 1 USA-dolaro aŭ egalvalora valuto!**

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“, Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Ritter, Riesa, Steinstr. 13, ĝiro: Riesa 1163, poŝtĉekkonto: Dresden 156 09.



**Kolegoj helpu!**

Por komparstatistiko sendu prezarojn de instruaj helpiloj (aparatoj ktp.) por lernejoj de via lando. Mi faros simile.

S-ro V. Svatek, instr., Luže-Koŝumberk 75, Ĉeĥio, Ĉ. S. R.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

10-a jaro. Numero 2/3
Februaro/Marto 1931

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo.



*) La rubriko 23 de nia redakcia programo estas plivastigata per 4-a subrubriko, el kiu nia legantaro ekkonu la nacilingvajn verkojn de TAGE-anoj. Mi petas niajn kolegojn, sendi al la redakcio aŭ resumaĵon aŭ esperantigitan recenzon de viaj verkoj. — La redaktoro.

## Voĉoj de l' Homaro.

### Devizo al Homaro.

De K. Chr. Fr. Krause*).

Ho Homaro, en la kosmo ci vivadas diosam',
nia vivo ci ja estas, nia leĝo, nia am';
pura bildo cia estu sanktigata do de ni,
kiel ci en kosmo kreskas, same venu tien ĉi!

Korpo kaj spirito estu harmoniaj kaj liber',
ambaŭ seksoj bele, bone perfektigu sin sur ter'!
Reciproke ni volonte amu kaj pardonu nin.

Al justec', beato, virto, belo ni dediĉu nin,
flegu arton kaj sciencon harmonie ambaŭ kun'.
En la koro ni formadu homan regnon de la sun',

Volu ni en propra sango venki malon de homec',
ligi al unika homo nian forton de bonec'. —
Tiel vivu la homaro forte, ĝoje sur la ter'
sub la suno luma longe ĝis la fino de la sfer'.

Tradukis Kurt Riedel.

*) La germana filozofo Kraŭse estas naskita la 6-an de Majo 1781 kaj estas mortinta la 27-an de Septembro 1832. — La originalo de la „Devizo al homaro" estas verkita laŭ la formo de la preĝaĵo „Patro nia". Nuntempe en Germanujo Kraŭse estas preskaŭ forgesita.

# Manifesto kontraŭ konskripcio kaj permilita edukado de junuloj.

La registaroj de la mondo nun oficiale allasas la superegajn pretendojn de la paco. En la Pakto de Parizo ili malakceptis la militon kiel rimedon de nacia politiko.

Tamen, preparado por milito daŭradas. Aparte elstara estas la kontrasto inter la paco-deklaroj de registaroj kaj la daŭrigado kaj plivastigado de militedukado.

Militedukado ekzistas en du formoj. En multaj landoj ĝi estas laŭleĝe devigebla. En aliaj landoj, kvankam nominale libervola, ĝi vere estas vaste devigata pro morala kaj ekonomia premado. Plu, ĉiuj registaroj pretendas al rajto fine postuli militservon de ĉiu civitano sia, viro aŭ virino.

Ni urĝe deklaras ke jam venis la tempo, kiam ĉiu sincera pacamanto devus postuli forigon de militedukado de junuloj, kaj malkonfesi la rajton de registaroj postuli konskripcion. Konskripcio submetas la individuon tute sub militan aŭtoritatecon. Ĝi estas formo de la sklaveco. La kutima akcepto de tiu ĉi sklaveco nur ilustras ĝian efikon nuligan.

Milita edukado estas instruo al menso kaj korpo pri la tekniko de mortigo. Ĝi estas edukado por militado. Ĝi estas la daŭrigado de la milittempa menso. Ĝi malhelpas kreskigadon de la volo al la paco. La plenaĝuloj faras gravan krimon kontraŭ la junaj, edukadante ilin en lernejoj, universitatoj, oficialaj kaj privataj organizaĵoj, ofte sub preteksto pri korpa ekzerco, pri scienco de milito.

La paco-interkonsentoj devigis ke la venkitaj landoj ĉesigu militedukadon de junuloj kaj konskripcion. Jam venis la tempo, kiam la popoloj mem devus iniciati forigon de ambaŭ tra la tuta mondo.

Se registaroj ne konstatas la profundecon de la ribelo kontraŭ milito, ili devas fronti la reziston de tiuj, por kiuj lojaleco al la homaro kaj al la konscienco estas superega. La popoloj de ĉiuj landoj decidu!

**Ne plu militarismo**
**Ne plu konskripcio**
**Edukado por humaneco kaj paco!**

Joint Peace Council, Oskar F. Bock, Vieno VII, Döblergasse 2/26.

---

# Akademio de la paco.

La 2-an de oktobro altrangaj scienculoj, komercistoj kaj politikistoj en Berlin fondis la Akademion de la paco. La projekto de tiu akademio estis aprobata de D-ro Stresemann, kelkajn tagojn antaŭ lia morto, kaj reekprenata de D-ro Curtius, kiu komence de la somero en sia radioparolado prezentis ĝin al la amerika popolo kiel fondaĵon memore al Stresemann.

De tiam komitatoj en Germanujo kaj Ameriko fondiĝis. La akademio havos sian sidejon en Berlin. En la aliaj ŝtatoj ĝi havos naciajn komitatojn

kaj kiel korespondantajn membrojn ĉiujn famajn specialistojn de la internacia juro. Ĝia tasko estos science esplori ĉiujn demandojn kaj faktojn, kiuj eble povus minaci la pacon, serĉi la rimedojn por certigo de la paco kaj disponi la rezulton de la studoj al la regantoj kaj pedagogoj. La konstituigaj komisionoj aprobis la preparojn kaj komisiis Prof. D-ron Jaeckh, fiksi la vicon de la intertraktoj. En la usona komitato troviĝas Prof. Nicholas Murray-Butler, la prezidanto de la germanista societo de New York, la usona ambasadoro en Berlin, same ĉiuj pasintaj ambasadoroj kaj ministroj de ekstero de la postmilita tempo.

---

# Eduko kaj „Pedajo“.

**Dua letero.**

Kara kolegino, kara kolego!

(1) El via respondo mi legas, ke vi konsentas la nomon „edukisto“ por nia profesio. Vi ŝatas tiun nomon malnovegan. Ĉu vi jam pripensis ĝian praradikon „duk-“. Ĝi vivas ankoraŭ en la esperantovortoj: kon**duk**i, (latine kon = kun), **duk**o, de**duk**ti, in**duk**ti, pro**duk**ti, via**duk**to, kon**duk**toro, ankaŭ en: pro**dut**o, kon**dut**o. La radiko latina „duc-“ signifas foje „konduki“, foje „tiri“.

(2) La duobla signifo estas facile komprenebla, se ni imagas al ni scenon, en kiu viroj kondukas ĉevalojn per brido, aŭ en kiu viro kondukas infanon per la mano. Kiam la kondukanto volas iri pli rapide ol la kondukato povas iri, tiam la kondukanto **tiras,** eĉ **trenas** la kondukaton. Juna homo sentas ofte, ke li estas tirata, eĉ trenata.

(3) Kien edukato estas tirata? En la lingvo latina la verbo „educare“ signifas aŭ nutri, aŭ eduki, kaj la verbo „educere“ signifas: el nuna stato al alia stato konduki. La litero e de la esperantovorto „eduki“ anstataŭas la vorton „el“. Per la vorto „eduki” oni esprimas, ke edukanto kondukas la edukaton el nuna stato al alia. Edukanto konformigas la edukaton al siaj kutimoj. Ĝenerale estas la senco de la edukado: konformigi aŭ adapti la edukaton al la moroj de la edukantoj.

(4) Patrino kaj patro estas la naturaj edukantoj de sia infano; fratoj kaj fratinoj pli aĝaj kunedukas ĝin. Ne nur gepatroj kaj gefratoj konformigas la infanon al siaj kutimoj, sed ankaŭ najbaroj kaj kamaradoj. Edukistoj ja plendas ofte pri tio, ke aliaj homoj detruis tion, kio estis konstruita en la lernejo. Oni parolas pri fortoj, kiuj kaŝe kunedukas infanon. Edukado estas ĝenerala funkcio de la socio: la pli aĝa generacio konformigas al sia moraro la junan.

(5) Ĉu edukistaro vivadas laŭ pli bonaj moroj ol la ceteraj edukantoj? Kiu edukis la edukistojn? — Majstroj de la pedagogio postulis, ke agado pedagoga superu konformigon al kutimoj de la pli aĝa generacio. Germana disĉiplo de Rousseau skribis: „Edukado ne estu tirado kaj trenado, ĝi estu gardo de la homeco, estu ŝirmo de la junula natureco.“ (E. M. Arndt.)

(6) Kara kolegino, kara kolego! Mi rifuzas la nomon „edukisto“ por nia profesio. La praradiko „duk-“ avertas min kontraŭ agado, kiu estus komparebla al la maniero, laŭ kiu viro kondukas beston, aŭ duko milita kondukas la popolon. Ni volu gardi, ŝirmi, protekti la humanan econ de junaj homoj!

Kun kora saluto

via Kurt Riedel.

---

## Rezulto de enketo pri geometria instruado popollerneja en ne-germanlingvaj, precipe eŭropaj landoj.

De Johs. Kurt Haubold, Riesa, Germanlando.

En la januara numero mi publikigis alvokon sub titolo: Pri la geometria instruado en la popollernejoj.*)

Laŭ mia scio la alvokon represis krome „Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo“ kaj holanda „Nia informilo“. „The British Esperantist” atentigis sian legantaron pri ĝi. Krome mi havigis al mi preskopiojn de la artikolo, kiujn mi forsendis al proksimume 200 gekolegoj Esperantistaj kaj al unuiĝoj en 41 landoj. Laŭ tio mi ricevis 69 diversajn poŝtaĵojn el 28 landoj. Al la sekvanta resumo mi povas doni kiel bazon 44 respondskribaĵojn de 41 raportintoj el 26 diversaj landoj. Al tiuj aliĝas ankoraŭ 3 diversaj lernolibroj por la infanoj el Svedio, kvarvoluma lernlibro kaj trivoluma taskaro por la infanoj el Polio, unu kajero enhavanta infandesegnaĵojn el Turkio, franca broŝuro pri la uzado de lernilo. Krome mi ricevis periodajn gazetojn, broŝurojn, prospektojn, kies enhavoj nur malmulte aŭ parte tute ne rilatas al la starigita demandaro.

38 raportoj alvenis el la eŭropaj landoj Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danio, Estonio, Finnlando, Francio, Grekio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Latvio, Litovio, Nederlando, Norvegio, Polio, Portugalio, Rumanio, Svedio, Sovjetunio, Turkio. Mi bedaŭras, ke mi neniel ricevis respondon el Belgio, kvankam mi estis skribinta plurfoje al belgaj gekolegoj. Eĉ la provo estis sensukcesa, interrilati kun Esperantista geinstruista unuiĝo. Bedaŭrinde ĝis nun nur estis eble al mi ricevi 6 ne tre ampleksajn respondojn el Ĉinio, Kanado, Nov-Zelando kaj Usono.

Laŭ ekstera aspekto tiu ĉi rezulto eble ŝajnas iomete malgranda. Sed kiu konas la malfacilaĵojn kontraŭstarantajn al tia enketo, certe opinias, ke mi jam ĝis nun sufiĉe sukcesis. Oni pripensu, ke mi ne forsendis la demandaron al geinstruistaj unuiĝoj, al oficejoj aŭ aliaj, sed ke la afero estis tute persona. Imagu, kiom da respondoj alvenus rilate al simila alvoko en iu nacia fakgazeto. Krome mi sendis la enketajn demandojn ne al kolegoj speciale interesiĝantaj pri tiu ĉi fako, sed al Esperantistoj, kiuj ĝis tiam eble tute ne okupis sin per geometrio. Des pli granda oni devas prijuĝi la helpon donitan de ili. Mi ricevis interalie respondojn, kiuj estis Esperantaj tradukoj de la materialo, kiun liveris amikaj kolegoj, lernejestroj kaj lernejinspektoroj.

---

*) Vidu IPR 1929, pĝ. 10.

Ankaŭ la enhavo de tiu ĉi unua prilaboraĵo devas montri personan akcenton. Nur multe pli granda nombro da respondoj ebligus, ke oni povu ekkoni, kio estas observita nur unuflanke, priskribita maltrafe aŭ malĝuste, por ke oni povu kompari kaj konsideri la materialon, akcenti aŭ ellasi tion ĉi aŭ tion. Ankaŭ nur tiam estus eble pligrandskale, unusence difini la diversajn nomojn, kiuj estas uzataj tre diverse en la diversaj landoj, kaj per tio pli solide fundamentigi tian laboron. Pro tio oni ankaŭ devas priJuĝi tiun artikolon tute ne kiel jam finitan laboraĵon, sed nur kiel resumon de unua provo, kiu malgraŭ tio tamen parte ebligas ĝeneralan superrigardon.

## 1. La amplekso de la instruado.

Jam la respondado al la unua demando montras plej efike la malfacilaĵojn kunligitajn kun tia enketo. La lerneja aferaro estas tute diverse organizita en la diversaj landoj, la nombro de la ŝtupoj ne estas ĉie la sama, la sama nomo tute ne ĉie rilatas la saman aranĝon. Pro tio estas necese, unue tiel precize kiel eble difini la enhavon de la nomo „popollernejo“. Ni komprenas sub ĝi ĉiujn lernejojn, kiuj estas nomitaj en la diversaj landoj publikaj, ĝeneralaj, elementaj aŭ unuagradaj lernejoj. Ĉiuj mezaj, duagradaj, burĝaj, pli altaj popollernejoj, realaj klasoj kaj similaj ne devas esti pritraktataj, ĉar la rajto ilin vizitadi, dependas de specialaj postuloj, kiuj ne ekzistas rilate al la antaŭe nomitaj lernejoj. Pro tio oni povas konsideri la respondon al tiu ĉi unua demando nur kiel provizoran. Mi certe povas esperi, ke post tiu ĉi resuma publikigado la eksterlandaj gekolegoj ĝustigos kaj kompletigos netrafajn aŭ malĝustajn informojn.

En kiuj landoj, en kiuj lernjaroj kaj en kiom da lecionoj speciala geometria instruo okazas, montras la jena tabelo:

| Lando | Lernjaro | Nombro de la lecionoj posemajne |
|---|---|---|
| Brita | 5. 6. | 1 |
| Bulgara | 3. 4. | 1 |
| Ĉeĥoslovaka | lastaj jaroj | ? |
| Estona | ? | 2 |
| Finnlanda | ? | 1 |
| Franca | 3.—8. | 1 |
| Greka | 5. 6. | 1 |
| Itala | depost 4. | 1 |
| Latva | 5.—7. | 1 kaj 2 |
| Norvega | 6. 7. | 3½ (dum 10 semajnoj) |
| Portugala | 3. | 2 |
| Rumana | 5.—7. | 2 |
| Sveda | 5. 6. (7.) | 1 |
| Sovjeta | 5.—7. | 2 |
| Turka | 4. 5. | 3 |

Laŭ la tabelo en Britio kaj Estonio okazas speciala geometria instruado, kvankam po unu raporto el ambaŭ landoj neas tion. Sed tamen la informoj ne devas esti malaŭtentikaj. Eble ili celas al la aranĝoj en aliaj, pli aŭ malpli organizitaj popollernejoj. La fakton, ke rilate al tio la limoj ne ĉiam estas fiksitaj, ĉiu povas konstati en la propra lando. La stato estas klarigata, se ni ekzemple legas en raporto de angla kolego, ke speciala instruo devas okazi nur en malmultaj lernejoj por knaboj dum la lasta lernjaro kaj ankaŭ nur tiuokaze, se la lernejestro estas protektanta ĝin.

El Danio, Hungario, Jugoslavio, Litovio, Polio estas raportite, ke la geometria instruo estas intime ligata al aritmetiko. La leciona kiomo destinata al ĝi nur dependas de la instruisto laŭ la metodo aplikata de li (Hispanio). Per tio estas donitaj la plej diversaj eblecoj. Ekzemple ni ekscias el kanada lernejo, ke ĝi okupas semajne kvaroble 40 minutojn dum tiu tempo, kiam la ĉapitro „geometrio“ en la taskaro, ampleksanta 35 paĝojn, estas prilaborata. En Nov-Zelando ofte okazas, ke oni instruas geometrion 5 lecionojn posemajne kaj poste dum 10 semajnoj tute ne. Sed la raportoj el ĉiuj landoj sciigas, ke geometria instruado devas okazi ĉie en la popollernejoj. Rimarkinda estas la ofta akcento, ke ĝi komencas jam dum la unua lernjaro. Tiuj ĉi konstatoj devas esti rigardataj kiel gravaj, ĉar ili igas nun konkludi, ke geometriaj prilaboroj estas deklarataj necesaj ankaŭ aliloke ne nur kiel fako, sed ankaŭ kiel instrua principo laŭ ilia enhavo kaj ties signifo. Tion celas ankaŭ la rimarkigo de hungara kolego, ke dum la prilingvaj ekzercoj „okazas aludoj rilate al ĝi“.

## 2. Partopreno de knaboj kaj knabinoj en la instruo.

Ankaŭ la respondado al la dua demando, ĉu geometrio estas instruata al knaboj k a j knabinoj, montras per tio, ke ĝi estas jesata escepte de la anglaj raportintoj, ke la geometria instruado devas celi ankaŭ ankoraŭ alian ol nur la scion pri kongruaj trilateroj, pri la anguloj ĉe paraleloj kruciĝantaj, pri la rektoj rilatantaj la cirklon ktp. Tiu ĉi aserto, deduktita de la respondoj, ankaŭ apenaŭ estas limigata per tio, ke la amplekso de la instruo estas nesama por knaboj kaj knabinoj (Ĉeĥoslovakio), aŭ ke ĝi povas esti limigata por la knabinoj pro specialaj kaŭzoj (Nov-Zelando). Fakte Anglio frapas la atenton inter la responda vico per la raporto de kolego, ke geometria instruo en la popollernejoj nur okazas por knaboj, ke ĝi preskaŭ neniam troviĝas en lernejoj por knabinoj.

Estu ankoraŭ aldonate, ke la raportintoj plej ofte opiniis necese akcenti, ke la lernejoj estas koedukaj lernejoj, ke en ĉiuj klasoj knaboj kaj knabinoj estas instruataj samamplekse, ke la instruprogramoj nunvalidaj ne diferenciĝas la seksojn. Rusa kolego akcentas, ke ĝenerale la komuna edukado de ambaŭ seksoj estas unu el la principaj demandoj, kiu estas realigata praktike en la Sovjet-lernejo.

## 3. La tasko de la instruo.

Jam la fakto okaze de la respondado konstatita rilate al la unua demando, ke en pluraj landoj la geometria instruado estas tre intime ligata al la aritmetiko, igas supozi, ke tiu ĉi praktika flanko estas akcentata en diversaj instruprogramoj. En kelkaj ĝi estas karakterizita kiel sola tasko (Hungario, Litovio, Nederlando, Norvegio, Portugalio). Al tiu ĉi limigo kontraŭstaras

taskoj, kiuj provas, elĉerpi la tutan enhavon de la fako. Ekzemplo por tio estas la reguloj de la bulgara instruplano. Ĝi nomas jenajn taskojn: „La geometria instruo devas

helpi la klarigon de tipaj spacaj formoj per ilia rekonstruo pere de priskribo kaj modeligo,

montri la utilecon (konvenecon) kaj estetikecon de la lernitaj formoj kaj ilia apliko en la naturo kaj arto,

lernigi la infanon, ke ĝi uzu en la praktika vivo tiujn sciojn per mezuro de grenkampoj, herbejoj, kortoj, ĝardenoj, vinberejoj kaj arbaroj,

klarigi al la lernantoj la necesajn por la vivo geometriajn elementsciojn, rilatojn kaj formojn, lernigante kaj ekzercante aplikadi la scion en la praktika vivo kaj

per elementaj kaj okulvidaj pruvoj kunhelpi la disvolviĝon de regula (senerara) logika pensado en la sfero de la geometriaj abstraktaĵoj."

Por ke oni povu rapide ekkoni, kiom da unuopaj taskoj diritaj la diversaj landoj estas akcentitaj en siaj instruplanoj, servu jena tabelo:

| Lando | Klarigo de tipaj spacaj formoj | Utileco kaj estetikeco | Mezurado kaj kalkulado | Akiro de geometriaj scioj | Klerigo de pensado |
|---|---|---|---|---|---|
| Bulgara | jes | jes | jes | jes | jes |
| Ĉeĥoslovaka | — | — | jes | — | — |
| Dana | — | — | jes | — | jes |
| Angla | — | — | — | jes | — |
| Estona | jes | — | jes | jes | jes |
| Finna | — | — | jes | — | jes |
| Franca | — | — | jes | jes | jes |
| Greka | — | — | jes | — | jes |
| Hispana | jes | jes | jes | — | — |
| Hungara | — | — | jes | — | — |
| Itala | jes | jes | jes | jes | — |
| Jugoslava | — | — | jes | jes | jes |
| Latva | jes | — | jes | jes | jes |
| Litova | — | — | jes | — | — |
| Nederlanda | — | — | jes | — | — |
| Norvega | — | — | jes | — | — |
| Pola | jes | — | jes | jes | — |
| Portugala | — | — | jes | — | — |
| Rumana | — | — | jes | jes | jes |
| Sveda | — | — | jes | jes | jes |
| Sovjeta | jes | — | jes | jes | — |
| Kanada | — | — | jes | jes | — |

Estu rimarkigate, se ankaŭ estas memkompreneble, ke ne en ĉiuj landoj la unuopaj partoj de la tasko estas nomitaj tiel klare kiel en Bulgario, kaj ke

pro tio tia tabelo ĉiam estas pli aŭ malpli arbitra, parte netuta kaj nekompleta. Atentu ekzemple la kvaran rubrikon! Ankaŭ tiam, kiam nur mezurado kaj kalkulado de areoj kaj korpoj estas tasko de la instruo, estas akirotaj geometriaj scioj; ĉar ili ja estas premisoj por tio. Ke parto el la taskoj en la instruprogramoj estas nomita aŭ ne, rajtas konkludi, ke tio ĉi aŭ tio devas esti akcentata dum la instruo aŭ estas pritraktenda nur krome. Tiel ni ankaŭ devas kompreni la apartan akcenton de la tasko, klarigi la tipajn spacajn formojn kaj klerigi la pensadon; ĉar kaj klarigado kaj klerigado tiaj okazas ankaŭ tiam, kiam la geometriaj objektoj estas perceptataj nur perkalkule. Iomete stranga, sed rimarkinda rilate al la prijuĝo didaktika de nia instrufako estas, ke nur la planoj de tri landoj akcentas la utilecon, al kiu ni povas egalrangigi la laŭcelecon, kaj estetikecon de ebenaj kaj korpaj formoj. Italio atentigas rilate al tio pri la tutaĵo de la naturo kaj citas kiel ekzemplojn: fruktojn, mineralojn, arbojn. Hispanio akcentas, ke la geometria instruo veku kaj kreskigu la amon al beleco.

Mi ankoraŭ konstatu, ke geometria desegnado, lerteco rilate al geometria konstruado kaj al uzado de la konstruiloj estas speciale postulataj kiel taskoj de la fako en la planoj de Ĉeĥoslovakio, Francio, Hungario, Polio, Svedio.

Ke ankaŭ okaze de aparta akcento de la prikalkula flanko la taska amplekso de la instruo povas esti granda kaj vasta, montras al ni la estona plano, kiu, antaŭ ol ĝi nomas la unuopajn taskojn, ĝenerale rimarkigas: „La geometria instruo estas interne ligata kun matematiko; ĝia tasko estas ĉiel helpi al solvado de aritmetikaj problemoj kaj taskoj kaj evoluigi ĉe la infano la fundamentajn matematikajn konojn necesajn en ĉiutaga reala vivo. Per tia kunigo la aritmetika veraĵo ricevas vivan interpretadon en eksperimenta figuraro kaj per observado la (ekkonita) volumenaĵa rilato ricevas nombran esprimon.“

Finante tiun ĉi parton mi ankoraŭ mencias la celojn, kiujn montras la instruplano por ĉiuj ĝeneralaj popollernejoj de Polio. Laŭ ĝi la geometria instruo preparu la percepton de la mondo, taŭgigi la lernanton al la perceptado kaj kaptado de tiuj ĉi rilatoj spacaj, kiuj ĝis tiam forrestis de lia atento, igi la geknabojn lertaj, ke ili facile apliku geometriajn sciojn en la vivo kaj konscie reproduktu objektojn de ĉirkaŭaĵo en projekcio rektangula.

Miaopinie tiu ĉi programo estas precipe bona, ĉar ĝi tutcerte karakterizas, ke la geometria instruo ne tute estas diversspeca kompare al aliaj instrukaj ekzercfakoj, sed ke antaŭ ĉio ĝi entenas rigardo-manieron, kiun la infano ekzercas ankaŭ alikaze, sed al kiu ĝi devas esti speciale klerigota, por ke ĝi povu tute percepti la mondon, kiu ĉirkaŭas ĝin. Plu ĝi devas ree la sciojn kaj la rutinon akiritajn per tio servigi al tiu ĉi realeco kaj ne al ŝajna realeco, kiu troviĝas ankaŭ en alilandaj lernolibroj.

### 4. La instrua materialo.

Malgraŭ la iom granda diverseco en la alvenintaj raportoj, oni povas konstati treege vastan konformecon rilate al la pritraktenda materio en la diversaj landoj, tute ignorante tion, ke la amplekso estas pli aŭ malpli granda. Laŭ la prilaboritaj informoj Anglio kaj Nederlando montras la plej grandan limigon. Anglaj kolegoj skribas ekzemple, ke la instruo plejparte estas tre

simpla kaj praktika kaj ke oni apenaŭ superas la pritrakton de la plej simpla; aĵoj kiel trianguloj, romboj. En Nederlando oni komencas jam dum la kvara lernjaro, priparoli la edron, instrui la uzadon de la mezuriloj kaj la kalkulmanieron. Al la lernanto estas donataj nur la faktoj, ekz. „Tiamaniere vi devas prikalkuli areon!“. Krom la prikalkulado de la areoj, ankoraŭ tiu de la volumenoj estas instruata, sed nur tiamaniere, ke al la lernanto estas donataj la formuloj kiel faktoj, kiujn li devas memori kaj apliki. Sammaniere la popollernejoj en Ĉeĥoslovakio limigas sin al prikalkulado de areoj kaj kelkaj volumenoj elektitaj laŭ la postuloj de la vivo.

Ĝenerale oni nomas la geometriajn instruobjektojn, kiuj laŭ plej diversaj vicoj en la instruplanoj estas cititaj, kiel: punkto, linio, edro, korpo; triangulo, paralelogramo, trapezo, trapezoido, multanguloj, cirklo, la sur ili starantaj prismoj kaj pintokorpoj (piramidoj kaj konuso) kaj la sfero.

Kiel tipaj ekzemploj estu citataj la planoj de tri landoj, kiuj donas la ordigon por la unuopaj lernjaroj:

F r a n c i o. — La ministeria plano destinas jene:

„1. Elementa kurso (3-a kaj 4-a lernjaroj): Mezuri longojn. Taksi perokule distancojn kaj kontroli per senpera mezurado. Desegni kaj rekoni la plej simplajn figurojn: triangulo, rektangulo, kvadrato, cirklo. Elementa kono pri angulo. Ideo pri la mezurado de la rektangulaj areoj per partigo en kvadratoj. Elementaj konoj pri volumenoj pere de reliefaj modeloj.

(Daŭrigo.)

---

# Pereduka enkatenigo de la virinoj en Francujo.

Influo de katolikismo restas fortega en la francaj moroj kaj restis potenca eĉ en la epopeaj tempoj de la naskiĝanta laikismo (1880 ĝis 1907) t. e. en la epoko, kiam leĝiĝis la senkonfesia instruado, ĝis kiam okazis rompo de la malnova konkordato napoleona per leĝo pri disigo inter la ŝtato kaj la eklezio.

Malgraŭ sia laika lernejo, Francujo restas ĉiam katolika lando je la morala kaj mora vidopunkto. Ĉiuj estintaj ĉefoj de la katolika eklezio deklaris kun Sankta Aŭgusteno, ke la virino estas tenta estaĵo diablospeca, tiu sama estaĵo, kiu sub influo de la diabla serpento donis la pekan pomon al prahomo Adamo kaj tiel kaŭzis la unuan pekon!

La oficiala leĝo lerneja ankoraŭ ne oficiale permesis la kunedukadon de la geknaboj. Nuntempe la kunedukado de la geinfanoj estas tolerata en la vilaĝetoj kun malpli ol 500 loĝantoj, kondiĉe ke la lernejeto estu nur unuklasa, t. e. en la malgrandaj vilaĝoj estas nur unu instruisto aŭ instruistino, kiu devas instrui samtempe knabojn kaj knabinojn, sed, en la klasĉambro la knaboj sidas sur benkoj unuflanke kaj la knabinoj aliaflanke. La inspektoroj ne permesas, ke knabino apudestu knabon: tio estus malmoralaĵo ne tolerata de la lerneja administracio kaj ankaŭ ne de la loĝantaro katolika. Tamen en tiuj vilaĝetoj kun malpli ol 500 loĝantoj, se estas du lernejoj: unu por knaboj kaj unu por knabinoj, la du geinstruistoj povas laŭ speciala dekreto ministra neniam leĝigita organizi kunedukadon de la geknaboj, kondiĉe, ke la du geinstruistoj estu proksimaj parencoj inter si (geedzoj aŭ gefratoj aŭ patro-filino,

ktp. . . .) kaj ankaŭ se la situacio de la ludkortoj tion ebligas (ekzemple se ne troviĝas transirenda strato inter ili ambaŭ).

Nur en la superega instruado (universitato, fakultatoj), la kunedukado estas ebla. Gimnazioj, reallernejoj, pedagogiaj lernejoj ne donas kunedukadon. Oni tiel suspektis pri malvirto, ke ĝenerale la knaba lernejo staras intence malproksime de la knabina. Tio estas aparte vera por la porinstruistaj lernejoj. En mia urbo kaj en preskaŭ ĉiuj departementaj ĉefurboj, kie estas pedagogiaj lernejoj, la porinstruistina lernejo staras en malproksima kvartalo, kaj la porinstruista lernejo staras en alia malproksima kvartalo en kontraŭa direkto.

Dum la milito, pro militistiĝo de la plejmultaj el la profesoroj, kaj ankaŭ ĉar oni bezonis lernejojn por instali hospitalojn, provizore funkciis la kunedukado ĉefe en la poredukistaj lernejoj. Sed kiam la milito finiĝis, tiun „monstraĵon" (kunedukadon) oni ne plu toleris. La popoledukistoj, kiuj zorgos pri morala edukado de l' amasoj laboristaj kaj kamparanaj, ne devas koni la kunedukadon eĉ por siaj propraj studoj. Tamen lastjare, pro la neceso malpliigi la nombron de profesoroj en kelkaj urbetoj kaj pro komenca raciigado de la lerneja servo, oni toleris kunedukadon en kelkaj specialaj klasoj de gimnazio. Cetere, la etburĝidoj el la gimnazioj povas sen danĝero por la socio-stabilo ricevi profiton el la kunedukado; sed al popolinfanoj en unuagradaj lernejoj oni rifuzas komunan edukadon por knaboj kaj knabinoj pretekste de morralo, kvankam tiuj infanoj estas ankoraŭ en aĝo, kiam seksaltiro preskaŭ ne ekzistas.

Ni konsideru nun la eksterlernejan edukadon de la knabino sur la kamparo kaj en la urboj. Komprenehle, la sama aparteco de la seksoj ekzistas. En preskaŭ ĉiuj parokoj ekzistas specialaj knabinaj religiaj societoj, la t. n. „societoj de Virgulino-junulinoj". La membrinoj havas specialan regularon kaj taskaron, ekzemple komunias almenaŭ unufoje ĉiumonate, devas dum la grandaj religiaj festoj esti blanke vestitaj, kvazaŭ novaj edzinoj, kaj ofte promeni tra la stratoj tiel kostumitaj dume unu „virgulin-idino" portas apartan banieron. Ĉiuj preĝas aŭ kantas, dum antaŭe pedelo portas pezan krucon kaj poste la pastro mese vestita portas la sanktegan sunforman hostimontrilon. La moka liberpensa spirito de la francaj popolanoj ĉiam atakis la hipokritan mienon de tiuj knabinoj, kiuj ofte montris tre malmoralan vivmanieron. De multaj jardekoj, tiu mokemo transiris en la komunan lingvon kaj parolante pri iu hipokrita kaŝema junulino, oni ofte diras „ŝi aspektas Virgulin-junulino" (laŭvorte: Mario-infano). La plej juna proleta infano jam scias, ke al tia knabino „oni donus la di-paperon (hostion) sen antaŭa konfeso".

Ĉiudimanĉe la junulinoj el tiuj religiaj societoj post la diservoj kunvenas en la pastra domo, aŭ en la pastra ĝardeno aŭ en aparta murfermita kunvenejo. Ili ludas, ĉeestas neniu knabo aŭ viro, krom la pastro senedzina. Estas balanciloj. La knabinoj ĝojas amuzi sin, dume proksime kaj sube la pastro ŝajnas legi sian preĝlibron, sed rigardas robojn . . . Tio ne estas elpensaĵo, sed vera fakto preskaŭ ĉie okazanta. Cetere ne malofte okazas, ke pastroj estas kondamnataj pro atenco kontraŭ knabinetoj — kvankam la burĝara gazetaro organizas silenton pri tio. — La liberpensa duonproleta gazeto „Ideo Libera" siatempe citis centon da tiaj juĝoj kontraŭ pastroj. Kompreneble, kiam la junulinoj estas pli aĝaj, perfortaĵoj ne ekzistas pro la konscia prirespondeco de la junulinoj; sed Eklezio havas ĉie rifuĝejojn por pekintinoj. Inter tiuj rifuĝejoj estas la fama internacia „Societo por protektado de la Junulinoj", kiu havas filiojn kaj rifuĝdomojn en preskaŭ ĉiuj gravaj urboj. Se vi vojaĝos iam en Francujo, haltu ĉe iu ajn pli malpli gran-

da stacio, kaj vi vidos tabulon-afiŝon inter la reklamaro, alvokanta la morale turmentatajn aŭ la senazilajn junulinojn. Tiu afiŝo estas facile ekkonebla per larĝa flava streko diagonala.

Tamen la katolikaj pastroj konscias, ke ili ne povus regi la tutan junularon, se ili devigus ĝin partopreni la diservojn, komunij, procesii en blanka robo surkovrita de ne laŭmoda muslina vualego. La moderna junularo ŝatas korpan kulturon kaj kinon. Tial estas organizitaj pli vastaj knabinoj societoj, kiuj havas diversajn nomojn, sed preskaŭ ĉie similajn insignojn: ekzemple la faman krucon kun formo iom simila je la internacia faŝisma kruco, la metalan lekanton, ktp. . . . Estas vere, ke kelkaj junuloj el religiaj societoj havas ankaŭ la hokan krucon. La nombro da gejunuloj havantaj la katolikajn insignojn ĉe la mantelo aŭ la korsaĵo estas ege multa kaj konsternas la maldekstrajn demokratojn. En la parokaj ligoj junulinaj okazas konferencoj, koncertoj, estas kantistinaj kaj muzikistinaj grupoj, ktp. . . . Kompreneble, ankaŭ grupoj de skoltinoj katolikaj aliĝantaj al la fama tutfrancia asocio „Skoltoj el Francujo" fondita en 1914, kiu estas tute katolika kaj multe pli potenca ol la pli malnovaj skoltaj asocioj protestanta kaj neŭtrala. Sed ne opiniu, ke oni vidas, kiel ekzemple en Germanlando, la gejunulojn kunirantajn por la samaj ekskursoj. La franca skoltismo ne estas komparebla kun la socia movado de naturamikismo. La katolika religio malbenas esence la virinon; ŝi estu apartigata. Sed la pastroj ne malbenas ŝin: ili ne rajtas edziĝi kaj en virinaj societoj trovas pli malpli kompenson psikologian al sia celibato.

Ekzistas en Francujo malmultaj protestantoj kaj pli malmultaj hebreoj. La protestanta „Kristana Asocio de Junuloj" respondas al la brita kaj usona „Young Men Christian Association" (mallongige: YMCA). Ĝi de la milito estas pli konata en Francujo pro la dummilita propagando de la britaj kaj anglaj pastoroj, kiuj akompanis la britan kaj usonan armeojn. Male al la katolikaj pastroj, ŝajnas, ke en Francujo la protestantaj pastoroj bazas sian edukadon sur la familia vivado, kiun ili ja konas, ĉar ili estas edziĝintaj. En Francujo, la protestanta religianaro estas religia malplimulto, kiu penas kapti adeptojn per elmontrado de ia libereca spirito. Alloge en siaj publikaj paroladoj, la protestantaj pastoroj altniveligas la virinon kaj la familian vivon, ne timante paroli pri amo kaj interjunulaj rilatoj. Por diferenciĝi de katolikoj, ili ne alprenas la rigorecon de l' eksterlandaj protestantoj, nek la stultajn ritojn de kelkaj protestantaj sektoj. En siaj ĵaŭdaj paroladoj en la „Radio-Pariza" stacio, la pastoroj penas montri, ke nur protestantismo liberigas la virinon. En YMCA, la gejunuloj ĝenerale kunestas, kvankam oni vidas ofte la protestantajn skoltinojn ekskursantaj aparte de la skoltoj. En grandaj urboj, la hebreoj havas ankaŭ junularajn organizojn, sed ĝenerale la infanoj ricevas religian kaj ideologian edukadon en familio de iu tre religiema hebreo helpata de la rabeno.

Se ni konsideras nun la laikajn junularajn asociojn, ni rimarkas, ke la sama apartigo de la seksoj ekzistas. La religia moralo restas la bazo de la moroj eĉ de la burĝaj ateistoj. La laika ŝtato ne toleras kunedukadon de la geknaboj kaj ankaŭ ne kunedukadon de la gejunularo. Same kiel la religio, ĝi ne agnoskas la egalecon de la virino al la viro: la franca virino ne rajtas voĉdoni, ne rajtas ofici en iuj profesioj, la franca edzino laŭ la jura kodo havas malpli da rajtoj ol la viro: „ĉien la edzino devas sekvi sian edzon." En vilaĝoj kaj en urboj ekzistas postlernejaj laikaj asocioj, sed ili konsistas ĉu el junuloj, ĉu el junulinoj. Ili estas ĝenerale gvidataj de la geinstruistoj, kiuj esperas per tia senpaga postinstrua laboro plaĉi al siaj ĉefoj: inspektoroj, urbestroj, parlamentanoj . . . ĉar tiuj asocioj estas patronitaj de burĝaj demokratoj kaj de lernejaj aŭtoritatuloj, kiuj

pli ŝatas la jen blufan jen ideologian edukadon de la junuloj kaj junulinoj ol la konscience plenumatan instruadon de la geknaboj en la lernejo.

Entrepreni veran liberigon de la junulinoj la gvidanta instruistino nek deziras, nek povas. Ofte, ŝi mem estas sub influo katolika, kaj se ŝi ne estas, ŝi volas respekti la „sanktegan neŭtralecon" de la franca ŝtata lernejo. Pro iluzia neŭtraleco, ŝi ne kuraĝas labori al konsciigo de la junulinoj pri la virinaj rajtoj, ŝi ne kuraĝas ataki la katolikajn morojn, kiuj regas ĉiujn latinajn landojn kaj sklavigas virinojn. Kontraŭe, neŭtraleco estas tiu senmoviga eduka principo, kiun bezonas burĝaro timanta pri socia transformo; ĝi ja estas la kultura senarmigilo, kiu protektas la malnovan ordon, en kiu ĉiam kaj ĉie la virinoj de neriĉa klaso devas en si porti maksimume maljustaĵojn, mizerontajn idetojn, kaj ankaŭ tiun sklavecan spiritostaton, kiu daŭrigos por estonta generacio la regadon de la tre katolika aŭ laike demokrata burĝaro. Resume, la katolika religio efektive regas la morojn de la tuta franca burĝaro dekstra aŭ maldekstra.

Veran kunedukadon oni trovas embrie nur en la laboristaj medioj: en la sindikalistaj, socialistaj kaj komunistaj junularoj. Bedaŭre malmultaj junulinoj partoprenas ĉi tiujn movadojn. Gvidinte kelkajn grupojn, mi mem povis rimarki la aktivan, seriozan, kompletan kaj ĝojan laboron de la grupoj, en kiuj ĉeestis junulinoj. Multfoje mortis grupoj pro manko de junaj aninoj. En la popoldomoj, la gejunuloj penis ripari la misedukadon de la lernejo kaj de la religio, kiuj disigis en du duonoj la laborantan homaron. Fine interkonatiĝante antaŭ la okazanta klasbatalo, la gejunuloj proletaj ekkomprenas la gravan signifon socian de l' edukado. Batalante kontraŭ kapitalismo, ili samokaze batalas kontraŭ religio kaj miseduko, por liberigo ne nur de virinoj, sed de tuta laboristaro.

El TEPS, Januaro 1931.

# La X-a Internacia Tendaro de la Skolta Esperantista Ligo

okazos 14.—20. Julio 1931 apud Budapest, Hungarlando, laŭ invito de la Hungara Skolta Ligo, kiu prizorgos por tiuj, kiuj anoncas sin plej malfrue en Majo, r a b a t o j n sur f e r v o j o j, ankaŭ de najbarlandoj. Bonvolu tion sciigi al la lokaj skoltaj ligoj kaj trupoj kaj instigi ilin, ke ili r e p r e z e n t u sin simile, kiel okaze de aliaj internaciaj tendaroj. La reprezentantoj povas dum printempo lerni Esperanton; ili povas esti parte la samaj, kiuj partoprenos (reprezentante vian landon) la Internacian Kunvenon de Skolt-gvidantoj okazontan tuj poste en najbarlanda Vieno! En Hungarlando jam en pli ol 20 skolttrupoj, pli ol cent skoltoj studas Esperanton. Klopodu atingi similan sukceson en via loko kaj precipe zorgu, ke ni ricevu e l v i a l a n d o k o r e s p o n d a n t o j n el s k o l t o j — eble komence esperantistoj tradukos la leterojn por ili, dum ili nur lernas —, nuntempe ne estas tiom da eksterlandaj skolt-korespondantoj por la hungaraj skoltoj, kiom ili konstante petas. Helpu la tujan praktikan utiligon de la lingvo per energia instigado! La Hungara Skolta Ligo publikigas en sia gazeto konstante niajn alvokojn kaj donos p r e m i o n al la hungaraj trupoj, kiuj atingos la plej bonan progreson en lingvo-scio kaj eksterlanda korespondo. Simila premio ekzistas por skotaj skolt-trupoj. La Franca distrikto de Skolta Esp.-Ligo donas premion, kiu konsistas el s e n p a g a v e t u r o al l a t e n d a r o d e B u d a p e s t! Klopodu similan fari en via regiono! S k r i b u b a l d a ŭ al ni pri la sukcesoj. Kore dankas kaj salutas

Hungara Skolta Esperanto-Rondo,
Budapest V, Nagy Sandor utca 6.

———

## Recenzoj.

Lakshmiswar Sinha, S i v a ĝ i. Sceno el Hinduja historio de la 17-a jarcento. 68 pĝ. 1 sveda krono. 1929.

Lakshmiswar Sinha, T r i bengalaj fabeloj. 39 pĝ. 1930. 1.50 sveda krono.

Lakshmiswar Sinha, K a j ĉ i o restas penso sed ne faro. Pri interkompreno kaj homara frateco. 15 pĝ. 0.50 sv. krono. 1930. Ĉiujn tri librojn eldonis la Eldona Societo Esperanto en Stockholm. La hinda aŭtoro, fame konata pro sia paroladoj en Svedujo, volas helpi ekrompi la muregon inter la popoloj de Oriento kaj Okcidento. Lia stilo estas simpla.

„R á d c e českého esperantisty" esperante: „Gvidilo de ĉeĥa esperantisto" estas ĉeĥlingva broŝuro, verkita de faka instruistino Julie Šupichová en Praha. Ĝi enhavas 86 demandojn kun respondoj, necesajn por ĉiu propagandisto, pri historio, literaturo, organizo kaj ĉiuspeca apliko de Esperanto, krom multaj respondoj al kontraŭuloj de internacia lingvo. Sur lasta paĝo estas publikigita propono de pritraktotaj lecionoj pri esperanta historio por elementa kurso. Prezo 5 Kč. Vendas la eldonanto: Sdružení přátel esperanta, Praha II.-2032.

### Mensogoj kaj malamo en edukado.

Mark S t a r r, Lies and Hate in Education. Londono 1929; eldonita de Leonard and Virginia Woolf at the Hogarth Press, 52 Tavistock Square, London W. C. 197 pĝ. Prezo: 2 ŝil. Anglalingve. Antaŭvorte la aŭtoro skribas, ke la kolekto materiala por la verko ne estus estinta ebla sen la kolega helpo el la brita „Teacher's Labour League" kaj Esperantujo. Laŭ la proverbo: ĉiu balau unue antaŭ sia pordo — Mark Starr pritraktas pli detale la edukadon en Britujo ol la fremdlandan. Tamen la verko estas mondvasta.

La ĉapitroj V-a ĝis VII-a enhavas materialon de partîaĉa edukado en la franca, germana, aŭstria, hungara kaj rusa landoj; la VIII-a ĉapitro entenas kelkajn detalojn el la islanda, finnlanda, belga, pola, nederlanda, bulgara, svisa, hispana, sveda, i t a l a kaj japana landoj. Pri la usona edukado li intencas apartan pritrakton.

Mark Starr karakterizas la plej uzatajn aŭ uzitajn lernolibrojn, krome ceremoniojn lernejajn (ekz. devigan saluton antaŭ la ŝtata flago) kaj bildaron sur muroj de lernejoj. Li diferencigas antaŭjuĝojn naciajn kaj sociklasajn. De ĉie ni aŭdas plendojn, ke instruistoj estas persekutataj pro sia politika konvinko; en neniu lando ili estas fakte liberaj, la grado de mallibero estas nesama. Estas tre grava demando, ĉu instruisto havu liberon, diri al infanoj sian opinion politikan pri pasinta kaj moderna historio, aŭ ĉu li devu direkti sin laŭ la oficiala teksto (pĝ. 85). Sed pli grava estas la problemo, ĉ u historio estas taŭga instrufako por infanoj. Neniu granda pedagogo postulis politikan historion por geknaboj; nur pro p o r d i n a s t i a kaj p o r k l a s a celoj politika historio staras en instrufakaro. Laŭ mia opinio lernejo kaj instruistaro estos liberaj nur tiam, kiam kaj laŭkonfesia religio-instruo kaj laŭregistara historio-instruo ne plu estos devigaj fakoj de infanlernejoj. Dum kiam lernejaro estas instrumento politika, la geinstruistaro ne povas esti politike libera. Kiam ni geinstruistoj estas en nia lernejo, ni ne estu politikuletoj, sed pedagogoj!

Se ni volas esti veremuloj, ni devas ankaŭ kritiki antaŭjuĝan tekston, instruatan en la nuna Ruslando, ekz. la jenan: „Berlino? Ĝi estas ĉefurbo de Germanio, kie el korto en korton iradis la komunistoj, batalante kontraŭ redono de la havaĵo al la princoj. Tie ja okazis potenca demonstracio de la ruĝfrontanoj, tie faris sian paroladon Telman. Berlino estas ĉefurbo de burĝa Germanio, de tiu

sama, kiu tenis en malliberejo Makson Helc-on. Ĝi estas ĉefurbo de la lando, kie firmiĝas, kreskas la potenca partio, kie estas milcentoj da pioniroj, kaj multaj el ili vizitis nin. Berlino estas ĉefurbo de la lando, kiu malpermesis enveturon al niaj delegitoj. Tio, tio estas Berlino!" (El „Pri la kultura kvinjarplano". Soveta Pedagogia Biblioteko 1930, pĝ. 9.)

La fina ĉapitro Mark Starr surskribis „Antidoto". Kiel kontraŭvenenon li rekomendas i. a. verkadon de prihistoriaj lernolibroj per neŭtralaj fakuloj, uzadon de internacia lingvo kaj internacian sportmovadon.

Gekolegoj, helpu disvastigi tiun gravan verkon! D-ro Kurt Riedel.

**„Aŭtonomia Klerologio"**
**de D-ro Kurt Riedel.**

Antaŭ mi kuŝas nova verko de D-ro Kurt Riedel, redaktoro de tiu ĉi revuo, titolita „Eigengesetzliche Bildungslehre" (aŭtonomia klerologio). (Eldonisto A. W. Zickfeldt, Osterwieck a. Harz.) Skribita germane kaj do unualinie destinita por germanaj legantoj, ĝi tamen povas postuli la atenton de la tutmonda pedagogaro pro la vasteco de siaj vidpunktoj, profundeco de sia esplora laboro, klareco de sia scienca argumentado. Ĝi pro tio nepre meritas, ke ni dediĉu al ĝi kelkajn pli detalajn, prijuĝajn vortojn.

Komence de sia verko, D-ro Riedel limigas la nocion de la klerologio kontraŭe de tiuj de la biologio, sociologio, psikologio, pedologio kaj pedagogio. Al ĉiuj tiuj sciencoj la klerologio havas multajn teoriajn kaj praktikajn rilatojn, sed en sia esenco ĝi ne dependas de ili. La edukscienco ekzemple, kiel la alia parto de la pedagogio, devas antaŭ ĉio pritrakti la principojn kaj metodojn de akomodado de la juna generacio al la vivoformoj de la estanta socio, dume la klerologio ekzamenas la esencon, la kreskad- kaj formiĝprincipojn de la klero kaj la eblecon, influi ĝin per certaj antaŭzorgoj. La edukscienco laŭ tio povas apliki la rezultojn de la klerologio, same kiel tiujn de la ceteraj suprenomitaj sciencoj, por siaj specialaj taskoj, malgraŭ tio la klerologio estas kaj restas tute memstara scienco kun propraj rigardceloj kaj esplormetodoj. Ĝi estas aŭtonomia, memleĝa, kiel la kleriĝo mem.

En la unua ĉefparto de sia libro la verkisto elstarigas la strukturon de la kleriĝo kiel formiĝado kaj pliriĉiĝado de l' individuo, kaj li indikas la fundamentajn vidpunktojn, kiuj, ĉe la observado de ĉi tiu procedo, altrudiĝas al la esploranta spirito. Li diferencigas inter du aspektoj de la kleriĝprocedo. La unu al ni aperas kiel interpretanta sintenado (scipovi la lingvon, ordi la komunan vivadon, kompreni la historion), la alia kiel la strukturiganta (formadi la movon, ekkoni kaj formadi la mezurorilatojn [t. e. matematiko], kompreni la naturon kiel movostrukturon). Ambaŭ sintenadoj eliras el la fundamenta homa bezono, hejmiĝi en la medio, kaj ambaŭ fine kulminas en la serĉado je la senco de l' vivo. Rezultas el tio ok al ni ekkoneblaj apartaj taskoj de l' kleriĝa homo. Ili ĉiuj radike kuniĝas unu kun la aliaj en la profundo de la tutaĵo de l' kleriĝulo, unu supozas kaj influas la aliajn, kaj la progresigo de l' unu efikas pro tio ankaŭ la akceladon de la aliaj kaj de la tutaĵo de ilia esencobazo. Ili estas la sencodeterminaj principoj de la klerologio.

La dua ĉefparto de l' verko ekzamenas la demandon pri la ebleco, influi la kleriĝprocedon. Ne estas eble al la pedagogo, kun ia certeco atingi jan difinan celon ĉe sia kleriga agado. Neniam ni vere povas scii, ĉu niaj klopodoj rezultigos la efikon de ni volatan. Por tio la kleriĝprocedo estas tro multe kompleksa kaj en siaj detaloj tro malmulte konata al ni. Malgraŭ tio ni estas pravigitaj al la provo ĉiam renovigenda, influi la internan kreskadon de la juna generacio. Se niaj tiaj klopodoj ne povas celi al tio, fari el la kleriĝulo ion alian ol kio li povas fariĝi laŭ

sia esenco, ni tamen povas helpi lin laŭ nia plej bona ekkono, ke li fariĝu tio eble plej perfekte. Se ni ne povas konduki lin al tute certa celo en ia aŭ alia aparta direkto, al ni tamen estas permesite, prudente kaj singarde prizorgi lin, por ke li povu evoluigi sian kleriĝeblan naturon eble plej forte kaj nemalhelpate. Rilate al tio la verkisto analizas la formodeterminajn principojn de la klerigula agado. Li elstarigas la du fundamentajn formojn de la kleriga okazado: la kleriga interparolo kontraŭe de la supraĵa babilado aŭ konversacio sen realeca fundamento, kaj la sinrilatigo de la intuanta*) animo al la medio. El ambaŭ formoj elkreskas precipe la kvar plej gravaj manieroj de kleriga agado: didaktikeca instruado, helpado al la produktiva agado (farotaĵo, objekta verko), prizorgo ĉe la ludo, aranĝo de solenaĵoj.

En ĉiuj tiuj analizoj la verkisto klopodas penetri ĝis la lastaj profundaĵoj de la problemoj. Ofte pro tio estus malfacile aŭ eĉ neeble al kelkiu, sekvi lin sur lia kruta vojo, se li samtempe ne estus ilustrinta siajn abstraktajn pensojn per abundo de analogaj el la historio de la pedagogio. Tiurilate lia verko eĉ estas historio de la pedagogio mem, en tiom, kiom ĉi tiu ankaŭ prezentas sin kiel historion de la klerologio. Neniu grava vidpunkto, kiun li ne heligas per la koncernaj ideoj de la grandaj pedagogoj kaj filozofoj, ĉiam en historia sinsekvo de la antikvaj tempoj ĝis niaj tagoj. Kelkfoje li ankaŭ polemikas, ĉiam singarde kaj respektplene, kontraŭ pli aŭ malpli fame konataj kaj aprobitaj el la nuntempaj pedagogiaj granduloj. Liaj ĉefaj atestantoj estas Rousseau, Pestalozzi kaj Herbart. Evidente: laŭ siaj fundamentaj pedagogiaj ideoj kaj sentoj li amas la filozofon de Ĝenevo; laŭ siaj penetraj kaj ampleksaj specialstudoj li konas elfunde la verkiston de „Lienhard kaj Gertrud" kaj „Pri la vojo de la naturo ĉe la evoluado de la homaro" kaj de tiom da aliaj gravaj verkoj ĝenerale pli glorataj ol legataj kaj konataj; laŭ sia emo al akra analizado de la sciencaj nocioj li devas — eble iomete kontraŭvole — aprobi la esplorlaboron de Herbart, trovante pri li profundajn vortojn tre kontraŭajn al la supraĵa opinio de la nuntempa pedagogia amaso. Ĉe ĉio tio li estas nepre moderna pensulo, eble eĉ tro moderna por multaj, kiuj ŝatas nur troti la piedeluzitajn vojojn de senpensa tradicio.

Resume oni devas diri, ke la verko de D-ro Riedel — ĝi ampleksas 251 paĝojn — estas unu el la plej notindaj de la nuntempa pedagogia literaturo. Estas sincere dezirinde, ke ĝi trovu tiom da diligentaj kaj pripensemaj legantoj, kiom ĝi meritas.**) D-ro Fritz Kraner, Dresden.

---

*) anstataŭ la laŭfundamenta vorto „intuicianta".

**) Kurt Riedel, Eigengesetzliche Bildungslehre. Grundlegung der allgemeinen Jugendbildung. 251 pĝ. Eldonejo A. W. Zickfeldt, Osterwieck a. Harz, Germanujo. Prezo broŝ. gmk. 6.50, tole bindita gmk. 8.50. La eldonejo sendos afranke al abonantoj de IPR broŝuritan ekzempleron je gmk. 4.50, tole binditan ekzempleron je gmk. 6.—, antaŭpagitaj per poŝtĉekkonto Leipzig n-ro 409 97 de D-ro Kurt Riedel, Dresden 20, Am Fuchsberg 2.

## Esperanto-gazeto por la 18-a de Majo, la „Tago de l' Bona Volo".

Mi havas gravan sciigon por la abonantoj de nia gazeto kaj por ĉiuj kolegoj, kiuj instruas Esperanton.

Kiel ano de la „Erziehungsausschuss der Deutschen Liga für Völkerbund" (Eduka Komitato de l' Germana Unuiĝo por Ligo de Nacioj), kiu regule unufoje ĉiummonate kunvenas en Berlin, mi suk-

cesis instigi la nomitan komitaton: eldoni la porinfanan gazeton por la 18-a de Majo ne nur en germana lingvo (ĉe alilandaj ligoj ĝi aperos en la koncernaj naciaj lingvoj), sed ankaŭ en Esperanto. Konsentis la planon jam la anglaj samideanoj kaj esperebIe nun ĉiuj gekolegoj el ĉiuj landoj zorgos, ke la gazeto estu disvastigata en ĉiuj lernejoj, en kiuj oni instruas nian lingvon.

La gazeto aperis nur unufoje ĉiujare la 18-an de Majo en diversaj lingvoj, nun en 1931 ankaŭ en Esperanto (bele presita, ilustrita kaj 4 paĝa). La prezo estos 5 germanaj markoj po 100 ekzempleroj (inkl. de sendkostoj ktp.).

Gekolegoj, bonvolu mendi ĝin por ĉiuj viaj lernantoj kaj aliaj samideanoj en kiel eble plej granda kvanto. Sendu viajn mendojn **tuj** al la sekretariino de Kunlaborado: f-ino Martha Moelke, Berlin-Südende, Brandenburgische Str. 5 (poŝtĉekkonto: Berlin 1315 30). Ŝi estas anino de la redakcia komitato kaj tre baldaŭ bezonas sciigojn pri la mendo por la presisto.

Ju pli granda la vendo de la gazeto, des pli granda la impreso al la publiko, kiu interesiĝas pri la ideo de „Ligo de Nacioj“. D-ro Dietterle, Leipzig.

---

## Lasta repago de akcioj.

Jenajn akcio-restojn ni kalkulas en la kotizon por 1931:

Johne-Freital, Fischer-Weinböhla, Schubert-Plauen, Müller-Freital, Freigang-Weinböhla, Pietzsch-Meissen, Dieu-Potsdam, Straube-Berlin, Widmann-Gutenzell, Elten-Hildesheim, Jurczyk-Kolberg, Neuber-Potsdam, Heinrich-Potsdam, Krienitz-Nowawes, Staudenmeyer-Göppingen, Schmidt-Glienicke, Kofler-Waldsee, Bieg-Esslingen, Reiss-Esslingen, Schweizer-Degenfeld, **po 1 RM**, Dühring-Leipzig 5 RM, Meisgeier 5 RM, Leichert-Freital 6 RM, Bennemann-Leipzig 5 RM, Sohrmann-Weinböhla 5 RM, Rudolph-Coswig 4 RM, Losse-Weinböhla 4 RM, Helmholz-Potsdam 6 RM, Boubou-Orléans 14,10 RM, Vittecoq-Francio 4,90 RM (sume 80 RM).

Kiu konsentas la enkalkuladon de sia akcio en la kotizon por 1931, notu tion sur la poŝt- aŭ ĝiropagilon, ekz.: „Pago 3 RM, Akcio 1 RM!“ Kiu afable volas donaci la akcio-reston, ankaŭ tion bonvolu noti sur la pagilon.

Hahn-Golis donacis sian akcion de 5 RM, Sohrmann-Weinböhla 5 RM, Losse-Weinböhla 1 RM, Rudolph-Coswig 1 RM al la gazeto. Kun kora danko ni akceptis tiujn donacojn en la situacio, kiun montris D-ro Dietterle en n-ro 1, 1931 de IPR.

Per tio likvidiĝas la akcio-entrepreno de IPR. En kriza tempo, kiam Novaj Tempoj (la antaŭulo de IPR) suferis financan mizeron — kaŭzitan de tro granda amplekso de la gazeto kaj tro malgranda kresko de la abonantaro — 73 oferemaj kolegoj kolektis 467,90 RM kaj garantiis per tio la pluan vivon kaj evoluon de nia movado. La ĝisnuna bona progreso de IPR estu la plej kontentiga rekompenco por via fervora sindonemo. En IPR vi ĉiam vidis la pruvon, ke la gazetservantoj ne misuzis la disponigitan monon per malvigla, malfervora sinteno kaj ripozo, sed kontraŭe streĉis ĉiujn fortojn, por akceli per la malabundaj rimedoj en celkonscia laboro la progreson de la Esperanto-movado en lernejo kaj instruistaro.

---

## Korespondo-Oficejo.

Ĉar intertempe anoncis sin nur malmultaj novaj korespondantoj, ni ne aldonis novan liston al ĉi tiu numero 2/3 de IPR, sed atendos pluajn anoncojn kaj aperigos la nomojn de la korespondemaj personoj nur en la venonta numero.

Martha Moelke,
sekretariino de „Kunlaborado“.

**La venonta numero aperos la 15-an de aprilo.**

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.